53 Num. ★ Madrido - Decembro - 1921 ★ V Jaro.

# HISPANA ESPERANTISTO

ILUSTRITA REVUO MONATA

Oficiala Organo de "Zamenhofa, Andaluzia kaj Aragona Federacioj„



MAYOS (MAJOJ) DE RIGLOS



ARTIFIKA LAGO DE LA ŜTONEGO
Akvofalo kaj dekstren la akvohaltiga murego

# NIAJ VIDAĴOJ

La rivero Gallego fluas tra mallarĝa valo, ĉi tiu mallarĝiĝas kaj profundiĝas tiel, ke ŝajnas, ke la krutaj deklivoj kaj ŝtonegoj kunpremas la riveron; la homo profitis la lokon por starigi akvohaltigan muregon kaj formi la vastan lagon artifikan de la Peña (Penja)—Ŝtonego—. Estis necese fosi tunelon en la roko, por elirigi la akvon ankaŭ. La akvo de la vasta artifika lago nutras la plantojn de vasta kamparo kaj transformas sian forton je elektra energio. La loko estas tre pentrinda kun nombraj panoramoj pitoreskaj.

La *Mayos* (Majoj) de *Riglos* estas kvazaŭ turegoj el natura cimento, miksaĵo tre malmola el argilo kaj ŝtonoj, ruĝkolora.

Ĉi tiujn pejzaĝojn oni ĝuos vojaĝantoj de Francujo al Hispanujo kaj reciproke, kiam oni finos la internacian fervojon de Canfranc.



ARTIFIKA LAGO DE LA PEÑA (ŜTONEGO)
Tunelo por elirigi la akvon. Apud Hueska (Aragono)

# AL HISPANAJ ESPERANTISTOJ

Mi estas je la fino de mia kvina jaro, kaj mi diras same, kiel la pasinta: la nombro de miaj subtenantoj ne kreskas je la proporcio, kiun esperigis al mi miaj tri unuaj jaroj; ĉu, eble, la hispanaj Esperantistoj estas malpli kontentigeblaj, ol la fremdaj?, ĉu mi ne plenumis mian postenon? Mi estas trankvila, ĉar mi faris pli, ol la eblon dank' al sindonemo de du-tri, kiuj donacis al mi verketojn ŝatatajn, por disdoni ilin al vi, tute sindoneme; mi estas trankvila, ĉar dank' al sindonemo de iu mi vivas; mi estas trankvila, ĉar opinias min laŭdinda esperantaj aŭtoritatuloj; mi estas trankvila, ĉar mi ne imitas tiujn gazetojn, kiuj petas al la samideanaro monhelpon, malgraŭ mia malalta kotizaĵo, kaj male, de tempo al tempo mi riĉigas viajn bibliotekojn per apartaj legindaĵoj (laŭ opinio ankaŭ de aŭtoritatuloj). Ĉi tio ne estas plendo, ĉi tio signifas nur dirojn por ke vi bone konsciu, ke se ĉiuj hispanaj Esperantistoj fariĝus subtenantoj miaj, mi farus miraklojn, miaj donacoj des pli estus nombraj kaj valoraj.

Vi decidu. Restas nur al mi saluti kore ĉiujn kaj deziri al vi kaj al Esperanto, kaj samtempe al fremda samideanaro, feliĉojn, prosperojn kaj grandan sukceson.

HISPANA ESPERANTISTO

# MONSTROJ

**(El la libro "Maroj de Hispanlando„ de Joaquín Dicenta. 1913.)**

Pro aŭtomobila akcidento, oni translokumis min de la ŝipo *Felisa* al la ŝipo *Dolores*, en la belega, vastega, kaj profunda haveno natura de *Arosa*, inda je *virgiliaj* kantoj. De ĉi tiu ŝipo realiĝas antaŭ miaj okuloj la oceana legendo.

Ĉi tiu legendo diras al ni pri monstroj, kiuj supreniras de siaj grotoj al oceana supraĵo terurigante la maristojn. Tiuj monstroj estas plumbkoloraj kun multoblaj kaj potencaj okuloj brilantaj kvazaŭ bruligadoj; kun grandegaj naĝiloj rapidturnantaj la akvon pro ilia balanciĝo; kun buŝegoj elspirantaj nigre; kiuj blekas tiel, ke la bleko neaŭdigas la tondron. Kiam ili batalas, ili kraĉas fulmojn. Ve al kiu instigu ilian furiozon, al kiu estu ŝatata de ilia manĝemego!

La monstroj ripozas antaŭ mi, dividitaj je tri timigantaj brutaroj, kiuj fermas la pason. Ili ripozas balanciĝante malrapide, ĉielenigante siajn antenojn. Mi kalkulas ilin: ili estas dudekkvin.

Apud la plej malgranda el ili, baleno estus kvazaŭ ludilo de vitreno. Nun ili dormas pace, nigrigante la atmosferon per la varma vaporo de sia elspirado. La suno emajlas iliajn skvamojn. La aero ludas kun iliaj kolharoj.

Monstroj ili estas, sed ili ne estis naskitaj, abortitaj de la patrino Naturo. Estis necesa la homa ambicio, la sangavida fiero de la homo, por ke la oceana legendo fariĝu realaĵo, por ke la terura poemo, starigita de la maristaj superstiĉoj, fariĝu vivantaĵo, kreitaĵo el fero kaj fajro, sur la ondoj.

La monstroj, kiuj balanciĝas en la vasta haveno natura de *Arosa*, estas angla eskadro; dudekkvin grandajn militŝipojn, sur kiuj flagras la flago de la Granda Britujo; de la admirinda nacio, en kiu la titolo de civitano estas la plej konsiderinda el ĉiaj titoloj; de la regno en kiu George kaj Asquith plenumas de la povejo socialajn reformojn kaj progresojn. kiujn neniam atingis la Respublikoj.

Domaĝe! Apud saĝaj leĝoj proklamantaj kaj efektiviĝantaj la homan respekton; apud reformoj kondukantaj al socialaj frateco kaj egaleco; staras tiuj eskadroj klarigante la brutan regadon de la forto, la barbaran militleĝon, la superecon per la detruo!...

Grandioze belega estas la spektaklo, kiun prezentas al niaj okuloj la angla eskadro. Brilas pro la suno la grandegaj ŝipoj el ŝtalo, kvazaŭ juveloj; la fumo, elirante tra iliaj kamentubegoj, ĉielarkoloriĝas pro kiso de la lumo; ĉi tiun reflektas la bronzoj, kaj ĉi tiuj ŝajnas fariĝi el oro; la mastaro ĉieleniras, kvazaŭ ebonaro. Envicigitaj perfekte estas la kirasitaj ŝipoj; ŝajnas mezurita per cirkelo la distanco de unu al la alia; la signalflagetoj flagras laŭ kaprico de la vento; la muzikistaroj sonoras gaje; oni vidas ŝipanarojn sur la ferdekoj, ili staras puraj, ĝentilaj, atentemaj je siaj devoj; vaporboatoj multenombrraj, kun la angla flago ĉe la postaĵo, trairas la havenon. Kiam ĉi tiuj flosas flanken de la ŝipoj, ŝajnas ili naivaj fiŝetoj akompanantaj ŝarkojn dum iliaj vojaĝoj por la detruo kaj la manĝemego.

Jes, grandioza estas la spektaklo! Grandiozeco ekzistas ĉiam ĉe la monstreco mem. Sed estas terure, metas la teruron en la koron kaj ribelojn en la konsciencon, pensi: ke la homoj flosigu sur la marojn tiom da monstroj por sin detrui, por regi sin reciproke, por sklavigi unu la alian; ke aliaj monstroj, el karno juna, kun multenombraj armiloj, kun multenombraj kanonoj, minacu sur la tero la pacon de la urboj, la ekzistadon de la gentoj, de la frataj rondoj.

Kaj ĉio, kial? Kaj ĉio por kio? Por altrudi superecon de geografia desegno sur alian geografian desegnon; por fariĝi la plej forta kaj fari la plej malfortan manĝaĵo; por garantii kaj longedaŭrigi la ekspluatadon homan al aliaj homoj; por ke la sango kaj la mizero de la plimulto fariĝu oro kaj komforteco por la malplimulto.

Konsiderate *tiel*, la monstroj vomontaj feron kaj fajron kaj trairante la maron, kaj la monstroj el juna karno kun ĉiaj armiloj kaj kanonoj perfortregante la teron, inspiras abomenon.

Kiom da anglaj laboristoj martirigos siajn muskolojn, ruinigos siajn nervojn, fandos sian sangon ĉe la laborejoj kaj fabrikoj, ĉe la kampoj kaj minejoj, por provizi la monstrojn, kiuj balanciĝas en la haveno de *Arosa*! Kiom da doloroj kiom da maljustaĵoj, kiom da ekspluatado supozas la triumfa vojaĝo de tiuj eskadroj promenantaj tra la maroj de la mondo, proklamantaj la triumfon de la forto, la barbaran religion de la milito kaj akiro!...

Pensante pri tio, mi komprenas neceson pri batalo de brutaroj el tiaj monstroj elirantaj de malsamaj monstrejoj geografiaj, kaj ke ili renkontiĝu sur la ondoj, ke ili batalu unu la alian, ke ili dispecigu kaj detruu sin reciproke fine. Eble la teruro mem pro la katastrofo faros la fierulojn humiluloj, kaj genufleksigos ilin kun la brakoj etenditaj al la altaroj de la paco.

Plibone estu, ke laboristoj, pensantoj, filozofoj, ĉiuj, kiuj serĉas la imperion de la paco kaj la justeco per nova sociala stato, sumiĝu, kuniĝu, kaj forpuŝante, definitive la kadukan kaj maljunan societon, enprofundigu por ĉiam en la maraj grotoj la monstrojn el ŝtalo kaj fajro, kiuj reviviĝas la oceanan legendon.

.............................................

Ĉe Okcidento mortas la suno, ĝi kolorigas la maron je sangaj strioj. La ŝipo en kiu mi vojaĝas malaltenigas la hispanan flagon, kiam ĝi pasas antaŭ la angla eskadro; la flagoj de la grandaj militŝipoj malsuprenir-as kaj supreniras por saluti ĝentile.

Malantaŭen restas la monstroj de la maro. Antaŭen de miaj okuloj, jen la pura horizonto. Ĉe ĝi mi vidas, per la imago, venontan mondon, en kiu la homoj salutos sin reciproke altenigante flagon komunan por ĉiuj. Sur ĝi nur oni legos solan vorton: AMO.

Tradukis,

*Julio Mangada Rosenörn*

RIMARKO DE LA TRADUKINTO

Kiam la verkisto ĉi tion verkis, li ne supozis la katastrofon, tiel proksima kaj li ankoraŭ ne atentis pri la komuna flago, kiu jam tiam flagris en la aero, kaj sub kiu unuiĝas ni, Esperantistoj.

---

# MIGUEL SERVET

(MIKAELO SERVET)

Ĉi tiu mondfama hispana sciulo naskiĝis ĉu je 1509, ĉu je 1511, en *Villanueva de Aragón*, kaj mortis en la fajro je la 27.ª de oktobro de 1553 en Genéve. Iuj opinias, ke la sciulo naskiĝis en *Tudela*, sed nedubeble estas, ke li naskiĝis en Aragono. Li estis ido de antikva familio, lia patro estis notario, kaj parenco lia estis profesoro pri juro. Oni diras, ke monaĥoj komence lin instruis, sed estas konstatite ke li studis kvar aŭ kvin jarojn en la universitato de Zaragozo, kie li lernis latinan, grekan kaj hebrean lingvojn, super ĉio la du lastajn kun matematikoj, geografio, filozofio kaj teologio, li tre bone konis; plie, li ricevis ankaŭ la ĝeneralan kulturon, kiun tiam estis disvastigantaj *Pedro Mártir de Anglería* kaj aliaj verkistoj. Li sin decidis al la familia profesio, kaj lia patro vojaĝigis lin al Toulousse, al ĝia universitato, studi juron, kiam li estis deknaŭjara. Tie li pasigis tri jarojn, dum tempo, kiam teologio kaj filozofio interbataladis. Ĉi tiu interbatalado interesis lin same, kiel ĝi interesis nombrajn inteligentulojn tiamajn, kaj speciale lin interesis tial ke li estis entuziasma je la Teologio kaj estudadis Antikvan kaj Novan Testamenton, filozofojn de Greklando kaj tiujn de Aleĥandrio. Li tre entuziasme legis la Racionalistan Teologion de *Sabunde*, kaj la legado kondukis lin al danĝera laboro submeti la religion al ekzameno, konscio kaj juĝo de lia intelekto; kaj la senmoraleco de la romaj pastroj, kiujn akre kritikis *Erasmo*, naskis ĉe Servet batal-

on inter liaj koro religia kaj penso protestanta. Ĉi tiuj teologiaj emoj estis kaŭzo por ke li estu forgesanta la juron; sed li ne fariĝis vulgara partiano de la Reformo, li estis *liberpensulo*, individua protestanto izolita; kal li ne volis starigi doktrinon kontraŭ doktrinô, sed li volis kaj celis obstine elpruvi siajn konsciojn pri kristanismo prave veraj, kaj eĉ klarigi kaj disvastigi ilin. Antaŭ ol elkaŝi ĉi tiun sian animsituacion, tre juna, li akceptis esti sekretario de la franciskano Johano de Quintana (Kintana), konfesprenanto de Karolo V, kaj tial li vojaĝadis kun la kortego tra Itallando kaj Germanlando. En *Bolonio*, li ĉeestis la kronigon de la Imperiestro kaj havis okazon vidi la Papon kaj kiel la plej povaj princoj de la Tero kisis le sandalion de la Kristanestro. Li forlasis la sekratarian postenon, dezirante plenan liberecon, kaj je 1531, li publikigis sian verkon pri la Triunuo, sed antaŭe li estis je 1530 en *Basileo* por konatiĝi kaj paroli kun *Ecolampadio*, kaj en Strasburgo por la samo kun *Bucero* kaj *Capitón*, kaj, kvankam al ili, li klarigis siajn pensojn, li ne atingis konvinki ilin. La unua, sektestro en Basilea alarmis ceterajn pastrojn dirante ke Servet estis neinta la eternan kunezistadon de Kristo kun lia Patro. Servet, kaptite de granda ardo teozofa, sciante ke la tri teologiistoj skandaliĝis pro la kuraĝaj neoj liaj kaj sin kunligis por malbeni la *malbonfaran hispanon*, apelaçiis kontraŭ ilia anatemo per siaj verkoj *De Trinitatis erroribus libri VII* (Haguenau, 1531, 8.ª formato) kaj *Dialogoj* pri la sama temo. La doktrino de Servert kaŭzis tiel grandan skandalon en Germanlando, ke la aŭtoro estis devigata ŝanĝi sian nomon Servet per *Villanova* kaj forlasi Germanlandon irante al Francland. Je 1533, li loĝis en Parizo kaj en tiu tempo li havis la mabonan sorton konatiĝi kun tiu, kiu poste kondamnis lin al la martirejo: Johano Calvino, tiam, juna kaj iom fama, loĝis en Parizo. Servet celis okazon konigi al li sian doktrinon por konvinki kaj varbi lin al ĝi: la obstineco de la hispano ne sukcesis venki la fieron kaj fanatikecon de Calvino, kiu eĉ rifuzis la interdiskuton, konduto hardanta Servet'n.

Servet malriĉa faris same, kiel aliaj tiamaj sciuloj malriĉaj, por atingi siajn vivrimedojn, li korektis prespruvojn de presejoj, sed samtempe, tre ema je la studo, li studis Matematikojn, Fizikon kaj Medicinon. Oni supozas tre fundamente ke li translokiĝis al Liono je 1535 kaj li laboris en la fama eldonejo de la fratoj Trechsel daŭrigante siajn studojn. La fratoj Trechsel komisiis Servet'n traduki al la latina lingvo la geografion de Ptolomeo, kaj li majstre tradukis la verkon el greka lingvo, korektis la erarojn de la antikvaj eldonoj, klarigis iujn neklarajn aĵojn kaj oportune ilustris la tekston; li ankaŭ reviziis kaj korektis diversajn verkojn pri Anatomio, Medicino, Farmacio kaj aliaj naturaj sciencoj, kaj li alvenis al matureco laŭ intelekto kaj scio. Pro eldonado de iuj verkoj de la fama kuracisto de Liono Sinforiano Champier, vera aŭtoritatulo ĉe la lando pro sia scio kaj pro siaj servoj dum epidemioj, Servet enamikiĝis kun li. Champier estis partiano de la doktrino de Galien por kuraci la malsanojn, kaj subtenis gravecon de la Astrologio por la medicina scienco precipe de la vidpunkto de la prognozo. Pro lia amikeco al Champier kaj favoroj de tiu ĉi al li, Servet decidis praktiki la Medicinon, pri kiu eĉ li faris privatajn proprajn studojn. Tial li revenis al Parizo je 1536 kaj eniris en la *Kolegio de Calvi* kaj poste en tiu de la *Lombardos*, kaj sekvis li la instruojn de la famaj Silvio, Fernel kaj Gunter, kaj estis lia kunlernanto la famega Vesalio, kiu fariĝis la plej eminenta anatomiisto de la mondo dum sia jarcento. Silvio, en sia verko *Institucioj Anatomiaj*, diras: «Estis mia helpanto Andreo Vesalio, junulo tre diligenta por la anatomio, kaj poste Miguel (Mikaelo) de Villanovano, *eminenta viro en ĉiaj filozofioj kaj ne malsupera je la doktrino de Galeno ol iu ajn.*» Baldaŭ Servet havis titolon de Majstro en Artoj kaj de doktoro en Medicino.

Servet tuj sin dediĉis instrui Matematikojn kaj Geografion malfermante publikajn

kursojn en la Kolegio de la Lombardoj kaj kiujn ĉeestis nombraj eĉ distingindaj personoj, el ili, juna pastro tre klera, Pedro Paulmier, kiu poste estis episkopo kaj sindoneme kaj dankeme protektis sian majstron. Instruante Geografion li falis en astrologiajn erarojn. Akre li atakis doktrinon de Galeno kaj Parizan Fakultaton per sia verko *Syruporum universa ratio* (Parizo 1537, 8.° kaj Liono 1546 samformate), ĉi tio, la sukceso de lia katedro, kaj la rimarkinda stilo de la libro decidis la kuracistojn de la Pariza Fakultato plendi antaŭ la Universitato kaj la Parlamento kaj ĉi ties decido ne plaĉis al kuracistoj dezirantaj la morton de la hispano, same ne plaĉis al la hispano tial ke la decido admonis lin, kaj ĉi tiu, por sin defendi, verkis la tre faman apologion, kiun malpermesis la Parlamento.

Timante malliberecon, Servet forkuris al Liono, kie denove li laboris kiel preskorektanto por provizi al si vivrimedojn, ĝis kiam li atingis esti nomata kuracisto de Charlieu, urbeto en kiu oni jesas, ke li malfermis medicinajn kursojn kaj en kiu li loĝis dum jaroj 1538-39-40. La eĥoj de liaj polemikoj kun la Pariza Fakultato, alvenante al lia izolejo, ĉagrenadis lin, kaj li revenis al Liono, kie, pro elĉerpo de la traduko de la Ptolomea Geografio, li verkis la duan eldonon kun aldonaĵoj kaj plibonigaĵoj, dediĉante ĝin al episkopo Paulmier, kaj ankaŭ li reeldonis la latinan Biblion de Santes Pagnino, aldonante notojn kiuj estas kvazaŭ provo de la racia ekzegeco de postaj tempoj, je 1542 en Liono, kaj li ricevis 500 frankojn pro la lasta verko. Tiam ankaŭ oni diskonigis liajn argumentojn por hispana *Sumo* de Sankta Tomaso. Lia disciplo, jam ĉefepiskopo, Paulmier, invitis lin loĝi en sia palaco, kaj Servet akceptis. Dum dek jaroj Servet vivis trankvila ĉe Paulmier, sed fine li ne povis sufoki sian ardon kaj per la liona eldonisto Frellon incitis Calvinon al nova diskutado. Calvino ĝin akceptis kun grandâ ĉagreno, sed ĝin subtenis ruze pseŭdonime, malbonintence, kaj dum unu jaro ili subtenis letere la polemikon: neniu sukcesis konvinki la alian, sin kondutante akre, kaj pleniganto Calvino sian koron je malamo kaj venĝodeziro, kiel atestas aŭtografa letero de ĉi tiu, kiun oni konservas en la Nacia Biblioteko de Parizo, kies lastaj vortoj estas la jenaj; «Li diras, ke li venus se mi akceptus lin; sed mi ne kuraĝas kompromiti mian parolon; ĉar se li venus, mi ĵuras, ke li ne eliros viva el miaj manoj ĉu mia autoritâteco iom valoras.» Dum la disputo, celante varbi adeptojn al sia doktrino, Servet skribis la verkon *Christianismi Restitutio*, kaj li sendis al Calvino la manuskripton. Calvino ne resendis al li la manuskripton, sed Servet, kiu konservis la kopiaĵon, celis ĝin eldoni; la entrepreno estis danĝera, kaj tial iuj eldonistoj ne volis ĝin presi; tamen proponante 100 kronojn pliajn sur kosto de la presado, kun granda singardemo kaj aperigante anstataŭ sia nomo la literojn M. S. V., li atingis la publikigon je 1553, en 8.°; kaj ricevinte Calvino specimenon, li timis malprofiton por katolikoj kaj protestantoj devenantan de la verko, kaj li, per Guillermo Trie, denuncis Servet'n kiel herezulon al la Inkvizicio kaj al Kardinalo Tournon, ĉefepiskopo de Liono, eĉ provizante, kiel atestantajn dokumentojn, iujn leterojn de la eminenta hispano. Oni enkarcerigis la hispanon, sed lia famo, simpatio ĉies al li, kaj indigno kontraŭ la kulpiginto, estis sufiĉe por ke oni estu permesinta al li forkuri; sed tamen la tribunalo kondamnis lin kaj liajn verkojn esti bruligotaj, kaj la 17.an de aprilo de 1553 oni bruligis lian bildon kaj verkojn. Post sia forkuro li vagadis de loko al loko kaj estas diversaj opinioj pri lia decido iri al Itallando tra Svislando. Je aŭgusto, Servet alvenis al Ĝenevo, kaj sciinte Calvino lian alvenon, ĉi tiu devigis sian sekretarion, Nicolas de Trafontaine, denunci la hispanon kiel herezulon; tial oni malliberigis lin kaj lin kondamnis al morto en la fajro. Unu el kulpoj atribuitaj al li estis, ke li estis dirinta ke la animo mortas kun la korpo, pri kio Servet diris per letero skribita en la karcero: «Ĉi tio estas terura kaj abomeninda: inter ĉiaj herezaĵoj

kaj inter ĉiaj krimoj ne estas iu tiel granda, kiel opinii, ke la animo mortas. Tiu, kiu diru ĉi tion, ne kredas, ke estas justeco, ke estas Dio..., ke estas io; sed ke ĉio estas morto kaj ke la homo kaj la bestoj estas la samo... Mi mem min kondamnus al morto.» La 22.an de septembro, li adresis leteron al Konsilantaro de Ĝenevo dirante ke li mortus kontenta se oni pruvus, ke li iam diris tion, kion oni atribuis al li, kaj li finis la leteron per la jeno: «Mi petas vin, Sinjoroj, justecon, justecon kaj justecon!» Ĉi tiujn vortojn kaj lastajn parolojn liajn mokis la kruela Calvino, kies envio al la hispano estis la sola kaŭzo por persekuti, malliberigi kaj mortigi lin. Li iris al la martirejo per firma paŝo ekkriante: «Mia Dio, savu mian animon! Jesuo, filo de la Eterna Dio, kompatu min!» Kiam li, de sur la lignaĵoj, vidis ekbruligi la lignaĵamason, li ekkriis energie kortuŝante la ĉeestantaron; eĉ por pli suferigi lin, la lignaĵoj estis ĵus hakitaj el arboj, por plej granda daŭro de la fajro, sed dank' al iuj kompatemuloj, kiuj ĵetis sekajn lignaĵojn, la fajro daŭris nur du horojn. Duonhoron lin turmentegis la teruraj flamoj kaj tamen li energie kuraĝe mortis ekkriante: «¡Justecon! Kompaton!»

Servet klarigas la religian dogmon per metafizika sistemo kaj akceptas la nedividitecon absolutan de Dio, kaj tial neas la Triunuon. Dio, unu sola kaj simpla, rilatiĝas kun la mondo per la ideoj, samtempe eternaj tipoj kaj esencaj principoj substancaj kaj aktivaj de la estaĵoj entenataj en ili. Dio estas Dio. Servet ne akceptas la du personecojn de Jesuo, kaj subtenas, ke la filo de Mario estas peranto inter Dio kaj la homo, laŭ la senco, ke Dio sin elmontras per li kaj ke ĉiuj la estaĵoj devenas de Dio. Servet akceptas la enkarniĝon, sed li klarigas racionaliste la misteron kaj detruas la dogmon. Atakas li la kristanan moralon neante la transiron de la origina peko, kaj li ne akceptas la nepran gracon kaj fidon por la savo, kaj ĉi tio furiozigis ĉiajn kristanojn, laŭ Saisset, franca biografiisto lia, Servet «provis genie ian deduktantan sistemon racionalistan pri la misteroj de la kristanismo, kaj li estis la neatendita antaŭulo de Espinosa kaj de Strauss.»

Servet elkaŝis la fluadon de la sango sesdek jarojn antaŭ ol Harley pri kio alia franco, Flourens, diras je 1854 en la *Journal des Savants*: «Kiel eltrovo pure kaj profunde fiziologia aperas en libro *Christianismi Restitutio*? Kiam oni tralegas la verkojn de Servet, oni rimarkas rapide la frukton, kiun li atingis en Teologio pro lia alĝustigo sola kaj obstina al litera senco... La verko diras, ke la animo estas en la sango, ke la animo estas la sango mem. Tial, diras Servet, estas necese, por scii kiel la animo formiĝas, koni kiel la sango formiĝas; por scii kiel ĉi tiu formiĝas, estas necese vidi kiel la sango fluas, kaj tiel li alvenas al pulma fluado de la sango.» Servet perfekte klarigas la fluadon de la sango de la koro al la pulmoj kaj de la pulmoj al la koro, kaj li, kvankam vuale kaŝite, ĉar la eltrovo estis kontraŭ la doktrino de Galeno, kiu supozis, ke la hepato estis la centro de la ĝenerala sanga fluado, elmontris alian eltrovon sian: li vidis klare la originon de la vejna fluado de la sango en la hepato, devenanta de vejno kiu siavice devenas de la vejnoj de la krispo aŭ mezentero; sed li ne kuraĝis vidigi klare la fluadon de la sango tra la aorto, kaj nur li diris: «ke la spiritoj irantaj tra ĝi estis ruĝkoloraj.»

Pri la scio de Servet, oni diris, prave, ke ĝi malutilis troe lin. Li estis rimarkinda instruitulo, honorulo, filozofo, geografiisto, matematikisto, teologiisto, filologo, kaj precipe fiziologiisto, vera geniulo, kies juneco ankoraŭ estis promesanta multon al la homaro, kaj tial bedaŭrinde estis, ke fanatikeco, envio kaj malamo de Calvino estu fininta la laboron de la genia hispano.

Oni ne povas diri ke la doktrinoj de Servet havis disciplojn, tial ke oni bruligis liajn verkojn kaj lin antaŭ ol liaj instruoj estis enradikiĝintaj; sed tiuj, kiuj poste defendis samajn doktrinojn sin alnomis *servetanoj*, kaj Sixto Senense donis tiun alnomon al antik-

vaj svisaj anabaptistoj pensantaj same kiel Servet.

Jen la verkoj de Servet: De Trinitatis erroribus libri VII, per Michaelen Servetum ab Aragonia hispanum (Haguenaŭ 1531, kaj Naremberg, 1791); Dialogorum de Trinitate libri II: De justitia regni Christi capitula IV (Haguenau, 1532); Claudii Ptolomei Alexandrini geographioe enarrationis libri VIII, ex Bilivaldi Pirekheimbery translatione, seu ad Greca et prisca exemplaria a Michaele Vilanovano jam primum recogniti. Adjecta insuper ab codem exeholia, quibus exoleta urbium nomina de nostri secoli morem esponuntur quinquaginta illo quoque tum veterum tum retentiorum tabuloe ad nectuntur, variique, in collentium ritus et mores explicantur (Liono, 1535 kun multenombraj figuroj, poste reeldonita, 1541); In Leon. Fuchsium apología pro Symph. Campegio (Parizo, 1536); Syruporum nniversa ratio ad Galeni censuram diligenter exposita, cui post integram de concoctione disputationem, proescripta est vera purgandi methodus cum aphorismo, concocta medicari (1637, 1545 kaj 1546) Apologetiea disceptatio pro astrologia (Paris, 1538); Biblia Saera ex Sanctis Pagnini translatione, ad hebraicœ lingua asumi ita recognita, et Scholiis ilustrata, ut plane nova editio videri posit (Liono, 1541); Christianismi Restitutio. Totius ecclesive apostolicœ ad sua limina vocatio, in integrum restituta cognitione Dei, fidei Christi, justificationis nostrœ, regenerationis baptismi et cœnœ Domini manducationis (en Nuremberg, je 1790, fidele oni reeldonis la originalon).

---

Skoltoj Esperantistaj bonvolu noti la adreson de la nova Sekretario de la Skolta Esp. Ligo, al kiu vi devos vin turni: Norman Booth, NETHERTON, Huddersfield, Anglujo.

# LA HOMAJ RASOJ

La homaro, laŭ la Sekreta Doktrino, evoluas tra sep sinsekvaj rasoj, kaj ĉiu el ili enhavas sep rasetojn.

La unua raso estis etera kaj elkreskigis precipe la aŭdsenton.

La dua estis duonetera, kaj elkreskigis precipe la tuŝosento. Ĝi loĝis ĉe la Hiperbora kontinento.

La tria estis materia, giganta, samtempa de la *plerodaktilo* kaj *megalosaŭro*, kaj elkreskigis precipe la vidsenton. Ĝi loĝis ĉe la Lemuria Kontinento, kies limoj estis: norde Svedujo, Norvegujo, Siberio; oriente de Kamstchaka duoninsulo al Tasmanio; sude Aŭstralio, Sumatro, Ceilana insulo al montaro Himalajo, kaj okcidente de Madagaskara insulo, afrikaj marbordoj orientaj al Svedujo. La lemurianoj konstruis urbojn, havis reĝojn kaj ekparolis monosilaban lingvon. Tiu raso atingis sian plenkreskon antaŭ dekok milionoj da jaroj. El ĝi devenas la nunaj hotentotoj, aŭstralianoj, papuoj. Ĉe tiu raso (antaŭ 18.600.000 jaroj) okazis la distingo de la homoj je viroj kaj virinoj; antaŭ tiu epoko la homoj sin reproduktis aliamaniere.

La kvara raso estis malpli giganta ol la tria. Ĝi loĝis ĉe la Atlanta Kontinento, kies limoj estis: norde, Irlando, Skotlando, Siberio; oriente Ĥinujo kaj Japanujo; sude, Malaka duoninsulo, Ceilana insulo, Arabujo, Abisinio, Mediteranea maro, Hispanujo, ĝis amerikaj marbordoj; okcidente la amerikaj marbordoj. Tiu raso parolis aglutinantajn lingvojn. Ĝi komenciĝis antaŭ ok milionoj da jaroj (je la fino de la sekundara geologia epoko).

La unua raseto de la kvara raso estis la *Ramohala* loĝinta ĉe Abisinio kaj Saharo, el kie ĝi forpelis la lemurianojn.

La dua, nomata *Tlavlato*, flavkolora, loĝis sur la teroj, kiuj hodiaŭ kuŝas sub la Atlantika Oceano. Tiu raseto atingis gravan civilizadon, sed pereis pro grandaj tertremoj antaŭ kvarmilionoj da jaroj.

La homoj de la tria, nomata *Tolteka*, estis altegaj, fortaj, duberuĝkoloraj kaj elkreskigis precipe la palatsenton. Ili konstruis la faman urbon de la «Oraj Pordoj». Iuj ŝtatoj havis reĝojn, aliaj respublikan estraron. Ili havis aerŝipojn, konis la ĥemion, terkulturadon kaj alĥemion. Al tiu raseto apartenis Asuramaya, fondinto de la astronomio. La estraroj estis ĝenerale bonaj kaj kleraj, sed pro militoj tiu civilizo iom post iom malaltiĝis kaj fine antaŭ 850.000 jaroj, pro grandegaj tertremoj preskaŭ tute malaperis.

La kvara raseto estis la *Turania*. Ĝi estis kruela neinteligenta, kaj batalis multe.

La kvina raseto, nomata *Semida* estis batalema, kaj inteligenta; el ĝi devenas la raso *Aria*. Restaĵo de tiu raseto estas la nunaj hebreoj.

El la sesa, nomata *Akadiana*, devenis la antikvaj Etruskoj kaj Kartag'anoj.

El la sepa raseto, nomata *Mongola*, devenas la nunaj ĥinoj (tiuj de la enlando, ne tiuj de la marbordo), tibet' anoj, ciganoj, kaj eskimoj. El la kunigo de tia raseto kaj la Turania devenis la *ruĝ'haŭt'uloj* el Ameriko.

La kvina raso, nomata *Aria*, estas la nuna homara raso. Ĝi enhavas ankaŭ sep rasetojn. La unua loĝas en Hindujo, la dua elkreskis tra Egiptujo, Fenic'ujo, Grekujo kaj aliaj landoj de la mediteranea marbordo. La tria, tra Persujo. La kvara naskis la civilizon grekan kaj roman, kaj elkreskis tra Hispanujo, Francujo, Anglujo (raseto *kelta*). La kvina, nomata *Teŭtona*, loĝas en Germanujo, Anglujo, Usono kaj pro la granda invado de la nordaj barbaroj antaŭ dekkvin jarcentoj, ĝi elkreskis tra tuta Eŭropo, kaj eŭropanoj kaj usonanoj, siavice, invadas la tutan mondon.

La sesa raso, tre eble, aperos en Usono, kie nun naskiĝas la homoj plej evoluciantaj.

*Fernando Redondo*

(Notoj elĉerpitaj el kelkaj libroj pri teozofio.)

# La Moralisto...

Kun mien' serioza kaj severa,
per parolad' frapanta kvazaŭ vipo
elĵetis moralist', de sia lipo,
malaprobon per voĉ' ŝajne sincera.

Li diris: (Li ne estis hom' malklera.)
«La virto estas kvazaŭ forta ŝipo,
rekta baston', nekurbigebla ŝtipo,
aŭ granda konstruaĵo ŝtono-fera.»

«Ĉiu malvirto estas demonarto.»
«Forlasu vinon, ludon kaj virinon.»
«De la virto devenas la bonfarto.»

Sed li, drinkinte kaj drinkinte vinon
kaj disĵetinte monon per ludkarto,
en liton enkondukis amatinon.

*Rafael de San Millán*

---

# Brita Literatura kaj Debata Societo

## LITERATURAJ KONKURSOJ 1922

Premioj: por ĉiu konkurso: 1.ª premio 30 ŝ. 2.ª premio 20 ŝ.

1. Traduko de Angla literaturaĵo, de 2000 ĝis 3000 vortoj.
2. Originala Novelo de 1000 ĝis 2000 vortoj.
3. Originala Poemo. Ne pli ol cent linioj.

Kondiĉoj:

1. Konkursantoj, se membroj de la Societo, devas pagi 1 ŝ. por ĉiu manuskripto; se ne membroj, 2 ŝ. por ĉiu manuskripto.
2. Konkursantoj devas alpreni pseŭdonimon, kiu aperos sur la manuskripto. Ili devas skribi la nomon kaj adreson—kune kun la pseŭdonimo—sur aparta folio, kaj enmeti ĝin en koverto, sigelante ĝin kaj

skribante la pseŭdonimon ekstere. Tiun koverton ili devas sendi kun la manuskripto.

3. Ĉiuj manuskriptoj fariĝos la propraĵo de la B. L. kaj D. S. La Komitato de B. L. kaj D. S. rezervas al si ĉiujn rajtojn pri publikigo de manuskriptoj.

4. La Komitato de B. L. kaj D. S. rezervas al si la rajton, aŭ ne doni, aŭ dividi, iun ajn premion. Se manuskriptoj de sufiĉa merito estos ricevitaj, medalo aŭ medaloj estos ankaŭ aljuĝitaj.

5. Manuskriptoj devas atingi la sekretarion antaŭ Februaro 28.ª, 1922 S-ro Charles H. Edmons, «Rockwood», High Road, Wembley, Anglujo.

---

## Sekcio por la Scienca kaj Teknika Vortaro

La Direktoro publikigis duan cirkuleron per kiu li sciigas, ke kvindekkvin samideanoj respondis la alvokon de la unua cirkulero ĝis la 20-a de julio, kaj el ili kvindek sin proponis por la kunlaborado pri unu aŭ kelkaj fakoj; du nur esprimis opinion pri labormetodo, kaj unu sendis teknikajn katalogojn kiel prilaboreblan materialon, por la teknikaj vortaroj. Li dankas ĉiujn per la dua cirkulero.

Por la ellaborado de la teknikaj vortaroj ekzistas dek ĝeneralaj fakoj, kiuj povos disfakiĝi kaj redisfakiĝi: Ĝeneralaĵoj, Filozofio, Religio, Sociaj Sciencoj kaj Juro, Filologio, Natursciencoj, Sciencoj Aplikitaj, Belartoj, Literaturo, Geografio kaj Historio, Nedifinitaj Fakoj. Ĉiu fako devos kiel eble plej rapide elekti aŭ proponi fakestron, same faros ankaŭ la duagradaj fakoj.

La plej taŭga metodo estos: verki speciale en ĉiu fako elementajn kaj poste pli detalajn lernolibrojn, ĉerpante la materialon el la naciaj teknikaj vortaroj kaj el jam eldonitaj provaj vortaroj, kiuj estis jam eldonitaj en Esperanto.

Subfakanoj rilatiĝos kun fakestroj, kaj ĉi tiuj kun la Direktoro de la Akademia Sekcio por la Teknika kaj Scienca Vortaro, D-ro Pierre Corret (12 Boulevard de la République-Versailles).

Ankaŭ prof. E. Grosjeam Maupin, Direktoro de la Akademia Sekcio por Komuna Vortaro aperigis cirkuleron per kiu oni konscias ke estas ĝenerala deziro al nepre necesa unueco rekomendita de la ĵusa Deklaracio de la Akademio, konsiderante ke kvankam nepre bezona estas *kompletigo* de nia vortaro, la *kompletigon* oni devos fari *metode*, kaj ne laŭ hazardaj cirkonstancoj kaj kapricoj, ĉar oni ne devas plu permesi uzon de novaj vortoj eĉ el radikoj konataj apartenantaj al eŭropaj lingvoj, tial ke oni devas konscii, ke Esperanto estas lingvo ĉies. Nu, Esperantistoj nepre bezonas regulojn kaj gvidilojn; la propra kaj devarolo de la Lingvaj Institucioj estas faciligi, reguligi kaj internaciigi, tio estas unuformigi la evoluadon de la lingvo.

«Mi tre bedaŭras, diras sprite iu Komitatano, ke la L. K. kaj Akademio fermas la pordon nur post kiam la ŝtelisto jam ŝtelis la ĉevalon el la ĉevalejo.» «Oni troigas, skribas Germana Respondanto, la regulon, ke la Akademio kaj la L. K. ne rajtas fari proprajn proponojn, Kial do ne admoni la Esperantistaron kontraŭ la malbonaj formoj?» «Ni mankas je direktantaj pricipoj kaj reguloj en la elektado de novaj radikoj», diras Franca Komitatano, kaj alia samnaciulo aldonas: «La Direktanta Organo de la Lingvo Internacia devus proponi al la L. K.anoj kaj al la aŭtoroj la radikojn, kiujn ĝi opinias la plej konsilindaj por plenigi la mankojn de nia vortaro.»

La Akademia Sekcio por la Komuna Vortaro jam konsilis kelkajn principojn por unuformigi la metodon sekvota por elekti novajn vortojn.

Jen io pri la laboroj farita kaj komencita:

1.º La Akademio demandis al L. K. opiniojn pri litero Ĥ kaj sufikso duonteĥnika *Oid* aŭ *Ojd*. La plimulto preferas *Oid* kaj aprobas laŭvolan anstataŭigon de Ĥ por K

en la okazoj, kiam ĝi senpere sekvas post la litero R.

2.e Pro alvoko de la Direktoro de Komuna Vortaro por internacia esplorado pri Proverboj, Komparoj, k. c. sufiĉe multaj Esperantistoj respondis favore, kaj baldaŭ estos definitive organizata la esploron per naciaj fakoj, kiujn direktos kompetentuloj.

3.e Tuta proponita prepara listo por la 3.a Aldono estas akceptita de granda plimulto de la L. K.anoj.

Ni ne lasu nin trompi per la vorto «oficiala». Ĝi ne signifas, ke ĉiu oficiala vorto estas propre esperantlingva kaj povas esti ĉiaokaze uzata. Oni ne devas forgesi, ke nia «Oficiala» vortaro efektive konsistas el du malsamaj partoj:

1.° La *propraj* Esperantlingvaj radikoj;

2.° Multaj ĝenerale (aŭ, pli ĝuste, eŭropane) internaciaj radikoj, kiuj, ne apartenante propre al nia lingvo, restas *fremdaj* vortoj kaj, laŭ la 15.a Fundamenta regulo, nur «povas esti uzataj» de la Esperantistoj. Preskaŭ ĉiuj radikoj kun pseŭdosufiksoj estas *fremdaj* internaciaj vortoj, kiuj, eĉ oficialigitaj, tamen ne estas asimilitaj kaj alproprigitaj al la Esperantlingva vorttrezoro. «Oni devas diferencigi, skribas tre prave iu Germana Komitatano, inter vortoj plenrajte *enkondukindaj* kaj vortoj *tolerindaj*.»

Angla Akademiano rimarkigas, ke ĝenerale la *Internaciaj* vortoj estas internaciaj pli *laŭ formo ol laŭ signifo.* Tiu ĉi tre simpla sed tre grava rimarko pravigas la oficialigon de la internaciaj vortoj, kiun kelkaj rigardas kiel danĝeran aŭ almenaŭ senutilan: la oficialigo de tiaj vortoj servas por fiksi kaj internaciigi ilian *signifon.*

Jam en la 2.a Oficiala Aldono Prof. Cart kaj iliaj tiamaj kunlaborantoj tre prave dividis la oficiale aprobitajn radikojn en du listojn proksimume korespondantajn al la supremontritaj. La radikoj de la 1.a Oficiala Aldono estos sammaniere dupartigataj en la baldaŭ publikigota Akademia Plena Radikaro anoncita en mia 1.a cirkulero, kaj estas tre dezirinde, ke tia dupartigo estu poste klare montrata en ĉiuj estontaj vortaroj.

Multaj L. K.anoj postulas, ke oni senbalastigu kaj kribru nian vortaron. Ni ĝuste povos profiti la okazon por kontentigi tiun tute pravan peton, ĉar la suprealudita dupartigo estas la plej bona kaj taŭga rimedo por efektivigi la deziratan kaj dezirindan senbalastigon.

---

Respondanton de insulo *Sankta Helena*, ekzilejo de granda Napoleono serĉas Inĝeniero Boh Fikeys en *Zidenice-Brno* (Zerotinova 388. Ĉeĥoslovakio); li korespondas esp., france kaj angle, kaj ŝanĝas il. p. k. kaj p. m. Li estos dankema je ĉiu, kiu donos al li informojn interesajn pri Napoleono.

---

# Kiel laboras humilulo

En pentrinda kaj fruktodona kamparo, en vilaĝo, loĝas humila junulo entuziasma por Esperanto; li senĉese propagandas, kaj lia ruzeco trovis bonegan kaj rimarkindan manieron por esperantigi ĉe lia amikaro; li korespondadas kun fremdaj esperantistoj kaj donas al ili adresojn de siaj amikoj por ke la fremduloj sin turnu esperante al la amikoj, ĉi tiuj ricevas poŝtkartojn el diversaj landoj pri interesaj demandoj kaj kiel ili ne scias Esperanton ili alkuras al la ruza junulo por havigi al si tradukon; la amikoj interesiĝas; la ruzulo ekinstruas la amikojn, kaj kiam ĉi tiuj scias Esperanton iomete, li diktas respondojn laŭ ilia deziro. Tiamaniere, vidigante klare la utilecon de Esperanto, li sukcesas kaj baldaŭ fondos grupeton. Mi havas grandan plezuron konstati tion antaŭan kiel edifantajon por multaj Esperantistoj kun sufiĉaj kapabloj ĉiaj, kaj kiuj malmultege sin okupas por propagandi Esperanton.

La junulo, laboristo malriĉa, post laboraventuroj revenis al patrejo, kaj li skribis al mi por ke mi ne sendu al li ĉi tiun gazeton ĝis kiam li povos pagi la kotizajon; ha, grandanimulo!, vi ricevos ĝin kaj ĉion eldonotan, kiel ĝis nun, ĉar iam vi alportos vian moneron, kaj se ne, vi alportas al nia sankta afero la fruktojn de via entuziasmo kaj laboremo.

Mi ne povas silenti lian nomon: José Castilla, kaj li kiel Francisco Mañéz el *Cheste* kaj Pedro Naranjo el *Jerez* honoras la Hispanan Esperantistaron, kaj pruvas, ke volo de humilulo povas pli ol bondeziroj de ĉiohavanto. Jen lia adreso por se iu volas sendi ion al li por lia grupeto: str. Iglesia Nueva, 1. *Castaño de Robledo* (Huelva).

*J. M. R.*

# PENSOJ

La vero liberigos vin. (Evangelio de Sankta Johano, ĉap. 8.ª, vers. 32.ª).



Religiaj dogmoj nur taŭgas por blindigi la homan prudenton. (Vyasa, hinda poeto, kiu vivis antaŭ dekkvin mil jaroj.)



La buddhano devas honori sian fidon kaj ne moki tiun de aliaj popoloj. (El *la kvin fidaj reguloj de l' buddhismo.)*



Tio ne estas instruo de Gantama, kio kontraŭdiras la saĝan prudenton.



Dio estas diablo mala (kabalista proverbo).



Tradukis *F. R.*

«Esperanta Finnlando» petas, ke oni sendu al ĝi *du specimenojn* de la numero 40.ª de HISPANA ESPERANTISTO, kiuj mankas al ĝia kolekto de 1920. Ĝi kompensos la sendon.

# BIBLIOGRAFIO

LA STRUVELPETRO estas originala rakontaro verse verkita de D-ro Heinrich Hoffmann, esperantigita de J. D. Applebaum, kaj eldonita de la Literarische Anstalt Rütte & Loening en Frankfurt a M. Germanlando. La libro, kartonite, estas 21 × 26 cm. kaj la tekston beligas multenombraj koloraj bildoj komikaj. La prezoj estas: M. 18, sed por landoj kun plej alta valuto M. 27 (altigo 50 %) 24 paĝa.

Ĉi tiu verko estas tre taŭga ne nur por geinfanoj sed por maturaĝuloj ankaŭ; ne nur kiel lernolibro, sed kiel propagandilo ankaŭ. La verko estas en Germanujo la plej disvastigita post la Biblio. Oni povos havigi al si la aĉetindan libron ĉe ĉiuj librejoj aŭ rekte de la eldonejo mem.



LEGO LIBRO. Unua volumo: Internacia Anekdotaro, de P. William, estas n-ro 7 de Nova Esperanto-Biblioteko, eldonita de Esperanto-Verlag Friedrich Ellersiek, Berlin, S 56. Prezo 7,50 Mk.

La aŭtoro bonege trafis la celon per la zorgeme elektitaj anekdoktoj kun tre bona stilo, malgraŭ uzado de iuj nebonaj ideoesprimoj.



BES-a ADRESARO de Esperantistoj el ĉiuj Landoj, 3.ª Eldono, eldonita de Bohema Esperanto Servo-Moravany (Ĉeĥoslovakujo). Prezo: 1,50 fr. svisajn. 11 × 14 1/2 cm.

Rekomendinde estas, ke samideanoj, gazetoj esperantaj, firmoj uzantaj Esperanton, vendejoj k. t. p., k. t. p. sin turnu al la eldonejo por aperigi sian adreson en ĉi tiu bonega adresaro. Unu enskribo ĝis 2 linioj por unuopuloj eĉ entreprenoj 1 fr. sv.; ĉiu plia linio, 1 fr. sv.; unu enskribo kun *nova* «Adresaro», 1,50 fr. sv.



MONNA LIZA, poemo de Mikaelo Gerasimov, tradukita de N. V. Nekrasov; ĝin eldonis Esperantista Literatura Asocio (Tverskaja-Jamskaja, 35. Moskvo), 12 × 17 cm., dekdupaĝa.



SAMIDEANO, Internacia Biblioteko, eldonas Oskar Ziegler & Ko., Marktredwitz (Bavarlando), n-ro I, majo 1921, prezo 2,50 Mk., 16 × 23 cm. Ĝi enhavas belan priskribon pri «Ascendo al Vesuvjo antaŭ kvardek jaroj» de prof. P. Christaller, «Surprizo» de M. Walter, «La Lasta Kanto» el moderngreka lingvo tradukita de D-ro Anakreon Stamatiadis kaj «Dum liberaj horoj» de Heinrich. Deksespaĝa.



LA KOBOLDO ONDRA de Jirima, tradukita kaj eldonita de Moraviaj Esperanto-Pioniroj okaze de la XIII.a, 10 1/2 × 14 1/2 cm. La rakonto pritraktas, kiel amata bonkora kaj ŝaga knabeto estas allogata de koboldo, kiu konstante trompas lin kaj faras malbonaĵojn ĝis mortigi la knabon. La Moraviaj Esperanto-Pioniroj diris: «Tiu ĉi traduko estas dediĉata al amantoj de la delikata animo infana» kaj mi permesas al mi diri, ke oni devas celi la animon de la infanoj per realaĵoj de la vivo, kiuj estas imitindaj faroj intruantaj, kaj kies disvolvo allogas; ke oni devas forkuri el feinoj, koboldoj k. c. Estas bedaŭrinde ke oni ne bone zorgis la prespruvojn ĉar en la 40 paĝoj estas amasego da preseraroj kaj ŝajnas ke la presisto nur havis *ŝ* por la kompostado. La stilon mi multe ŝatas.

# ESPERANTA MOVADO

## ENLANDA

**Valencia.** – En la Instituto de Idiomoj de la Universitato estas enkondukita Esperanta Kurso, kiun klarigas profesoroj de la Federacio. Ŝajnas ke denove vekiĝas en tiu ĉi Federacio la antikva kaj sukcesa entuziasmo, kiu naskis tiun faman gazeton «La Suno Hispana». Valenciaj samideanoj forte impresitaj de la lastaj sukcesoj de Esperanto vekiĝas.



**Jerez.** – Ĉi tiu Esperanta grupo daŭrigas siajn monatajn kunvenojn kaj des pli sukcesaj, ĉar ĉiuj sociaj klasoj rimarkas la laboron laŭdindan kiun ĝi faras. La Grupo tial eksterordinare sukcesas kaj malgraŭ la nefavoraj cirkonstancoj ĝi eniras iom post iom en la virinaj rondoj.



**Madrid.** – Pastro Mariano Mojado klarigas kurson en la Seminario, kaj li vigle kaj entuziasme propagandas en la katolikaj rondoj kun sukceso. Ankaŭ li klarigas kurson en la Normala Lernejo.



**Palma de Mallorca.** – La Esperantista Klubo Palma malfermis tri kursojn, kiujn klarigas respektive S-roj Ginard (specialan kurson por lernolibro de Ed. Privat), Ribas de Pina (elementan per Praktika kurso de Esperanto de Duyos kaj Inglada) kaj Alomar (superan kurson por tiu lernolibro de Duyos kaj Inglada). La kursoj promesas sukceson.



**Huesca.** – La entuziasmo kreskas, kaj la kursoj sufiĉe bone progresas. La Grupo entreprenos tuj eldoni libron pri artaĵoj de

Huesca, kaj decidis sin turni al Ligo de Nacioj petante ke enkonduku Esperanton oficiale la Ŝtatoj, por kio la Grupo kolektas la firmojn de ĉiuj gravaj personoj.



**Bilbao.**—Tiu ĉi Socialista Esp. Grupo vigle agas kaj same faras ceteraj ĉi tieaj samideanoj; aktive ĉiuj laboras neforgesante ke je 1923 en tiu ĉi urbo devos okazi la Dua Kongreso de Iberaj Esperantistoj la afero kreskas pli kaj pli post la eksterordinara sukceso de Praha kaj lastaj triumfoj de Esperanto, kiuj redonis al multaj antikvaj samideanoj la fidon, perdinta pro la terura pasinta hombuĉado, kiu tiel impresis ĉiujn, ke ĝi eĉ forrabis al ni tri el plej gravaj kaj laboremaj pioniroj - Soriano Gimenez Loira kaj Benavente.



**Barcelona-Tarrasa.**—Alveninte de la kongresoj de Praha kaj Gerona, estis inter ni la aŭstralia samideano S-ro Perey T. B. Hudson, kiu vizitos Valencia, Madrid kaj sudan Hispanujon. Nian plej koran bonvenon.

La 23.an de Oktobro S-ro Hudson, akompanate de la prez. de KEF., de la D. de UEA F. Piñol, de S-roj Graŭ (Jako), Andrés kaj Brugueras, vizitis la grupon «Lumon» de Tarrasa. La plimulto el tarrasaj samideanoj atendis S-ron Hudson en la stacio, kaj tuj ĉiuj vizitis la mirindaĵojn el la urbo, tri romanstilajn preĝejojn kaj restaĵojn de romana mozaiko. Fine, la Grupo «Lumon» por honori la gaston, okazigis lunĉon, kiun dediĉis al li S-ro Chaler, prez. de la grupo, per paroladeto plena je esperantismo tre sincere sentata. S-ro Hudson sincere dankis. La feston ĉeestis samideanoj de Sabadell, kaj ĝi estis tre agrabla.



EKSTERLANDA

Tre esperiga estas la movado ĉie, kaj ŝajnas ke la Esperantista armeo rompis la obstiman fronton kaj invadas ĉien.

Tip. Calle de San Lucas, 5.—Madrid